ranton en «El Nervion» kaj «Gazeta Médica dol Norte» per bonegaj artikoloj, kiuj sciigas kuriozajn detalojn pri esperanto kaj ĝia famkonata aŭtoro. Ankaŭ li, helpita de S-roj Bagazgoitia, Rodríguez kaj Durana, klarigas esperanton al la grupanoj de La Arboleda.

Pastro Esteban Llongarrins, skolapiulo, instruas esperanton en la Sabadell'a Skolapiejo. Tio ekplenumas la promeson, kiun Lia Moŝto la Skolapia Provincestro faris al la majstro, kiam tiu S-ro vizitis lin kaj aliajn skolapiulojn en Sarria'on «Iom post iom, diris la pastro Provincestro, mi intencas enkonduki esperanton en niajn programojn».

Estraro de Sabadelj'a Grupo «Aplech Esperanta Grupo» renoviĝis, nominte la jenajn sinjorojn. Vilardell, Prez; Bracons, Vic; Xercavins, Kas; Busqueta, Bib; Molins, Xipell kaj Peig, voĉdonantoj.

En Sankta Sebastian'o pli ol sesdek samideanoj alestas al esperantaj kursoj, malfermitaj ĉe la «Palaco de Belaj Artoj» kaj Kolegio de Sankta Mario».

La tiea grupo nomis la jenan novan «Direktantan Komitaton»: Prez, S-ro Marteno Heredia; Vic, S-ino Ineso Erirti kaj S-ro Paŭlo G. Arista; Sek, F-ino Zoilino Zalacam kaj S-ro Maksimo Arruz; Voĉd, F-inoj Ignaciino Parra kaj Auroro G. de Montes, S-roj Alberto Velasco, Paŭlo Sanromá, Karlo Echeverria, Paŭlo G. Rodríguez, Rev. pastro Mariano Planas kaj Alfonso Dellesenger; Delegito y Subdelogito de U. E. A. S-roj Anĝelo Digon kaj Antonjo Tuduri.

Tiun ĉi komitaton organizas ekskursojn al la ĉirkaŭaĵoj, per kiuj oni atingas ĉiam grandajn sukcesojn, kiel okazis per tiu en Renteria'on pri kiu rilatas lerte en «El Correo de Guipuzcoa» S-ro Heredia, kaj finiĝis per jena entuziasma telegramo al nia karo D-ro Zamenhof.

«La Esperantista Grupo de San Sebastián deziras al sia karega Majstro multajn jarojn da vivo por ke esperanto vivu, kresku kaj floru».

Grava gazeto «Esperanto» enhavas en

«El Nervión» y «Gaceta Médica del Norte» por magníficos artículos que dan curiosos detalles respecto al esperanto y su famoso autor. También él, ayudado de los Sres. Bagazgoitia, Rodríguez y Durana, explica el esperanto á los socios del grupo de La Arboleda.

El Padre Esteban Llongarins, escolapio, enseña el esperanto en las Escuelas Pías de Sabadell. Ello es principio del cumplimiento de la promesa que el Ilustre Sr. Provincial de las Escuelas Pías hizo al Maestro, cuando este Sr. le visitó á él y á otros escolapios en Sarriá: «Poco á poco, dijo el Padre Provincial, intento introducir el esperanto en nuestros programas».

La directiva del grupo de Sabadell «Aplech Esperanta Grupo» se ha renovado nombrando á los siguientes señores: Vilardell, Prez.; Bracons, Vic.; Xercavins, Kas; Busqueta, Bib; Molins, Xipell y Peig, vocales.

En San Sebastián más de sesenta samideanos concurren á los cursos de esperanto abiertos en el «Palacio de Bellas Artes» y «Colegio de Santa María».

Aquel grupo ha nombrado la siguiente nueva Junta directiva: Pres., D. Martín Heredia; Vic, D.ª Inés Erirti y D. Pablo G. Arista; Sec, la Srta. Zoila Zalacam y D. Máximo Arruz; Vocales: las señoritas Ignacia Parra y Aurora G. de Montes, Sres. Alberto Velasco, Pablo Sauromá, Carlos Echevarría, Pablo G. Rodríguez, Rdo. P. Mariano Planas y Alfonso Dellesenger; Del. y Subdel. de U E. A. don Angel Digon y D. Antonio Tuduri.

Este comité organiza excursiones á los alrededores, por las cuales se obtienen siempre grandes éxitos, como ocurrió con la de Renteria la cual diestramente refiere en «El Correo de Guipuzcoa» el Sr. Heredia, y terminó por el siguiente entusiasta telegrama á nuestro querido Sr. Zamenhof.

«El grupo esperantista de San Sebastián desea á su queridísimo Maestro muchos años de vida, para que el esperanto viva, crezca y florezca».

El importante periódico «Esperanto»

unu el ĝiaj lastaj numeroj tre interesan fotogravuraĵon, sendita de S-ro Tuduri, kiu vidigas la belaĵojn kaj altiraĵojn de tiu rimarkinda urbo.

Ilustrita gazeto «Novedades» enhavas en ĝia Decembra numero bonegan portreton de nia kara Majstro.

S-ro Santiago Carro publikigas en la ĵurnalo «Gaceta de Galicia» el Santiago, propagandajn artikolojn titolitajn «Progresos del Esperantismo» kaj aliajn, okaze respondi S-rojn, kiuj, iom aŭ iomete sciante pri esperanto, sin okupas pri ĝi. Tiu ĉi cirkonstanco, kaj tiu, ke S-ro Carro scias kaj sentas esperanton, estis motivo por ke unuj kaj aliaj skribaĵoj estas estintaj utilaj al nia afero; tiel, kiel alia de S-ro Roberto Maraury, el Noya, kiu en la diskutado kaj en sama gazeto, sin intermiksis favore al ni.

Lasta ago de S-ro Carro, sekve la okazintaĵo, estis bonega parolado, de li farita en Vigo, kiu intelektaj personoj aplaŭdis varmege; kaj liaj amikoj kaj admirantoj prezentis al li festenon, dum kiu regis plej kora gajeco.

La Santurce'a grupo elektis por nova estraro Prez., S-ro Reparaz; Vic., S-ro Berdonces; Kas., S-ro Pereda; Sek., S-ro Iraurqui.

Sub la pseŭdonimo *Sem* empresas «El Heraldo de Aragón», kiu publikiĝas en Saragosa'o, belan artikolon pri historio de esperanto, okaze la dekvina datreveno de la naskiĝo de ĝia fama elpensinto, festo kiun solenigis ĉiuj hispanaj societoj.

En Sos, el la Sama Saragosa'a Provinco, varmege propagandas kaj diskonigas nian karan lingvon skolapiulo pastro Casio Pobal. Li eldonis kaj multe disdonis cirkuleron en la regionon, konigante nian karan lingvon, malfermis publikan kurson en loka Skolapiejo kaj klopodas tien starigi grupon.

La jam famkonata esperantistino F-ino Juliino Lacruz fondis en Utiel'o

contiene en uno de sus últimos números, unos interesantes fotograbados que le remitió el Sr. Tuduri, los cuales muestran las bellezas y atracciones de aquella notable ciudad.

La revista ilustrada «Novedades» lleva en su número de Diciembre, un magnífico retrato de nuestro querido Maestro.

D. Santiago Carro publica en el diario «Gaceta de Galicia» de Santiago, artículos de propaganda titulados «Progresos del Esperantismo», y otros, con motivo de responder á Sres. que sabiendo algo ó alguito de esperanto, se ocupan de él. Esta circunstancia, y la de que el Sr. Carro sabe y siente el esperanto, fué motivo para que unos y otros escritos hayan sido útiles á nuestro asunto; así como otro de D. Roberto Maraury, de Noya, que en la discusión y en el mismo diario, se mezcló favorablemente á nosotros.

El último acto del Sr. Carro, consecuente al suceso, fué un magnífico discurso que hizo en Vigo, que aplaudieron calurosamente personas intelectuales; y sus amigos y admiradores le ofrecieron un banquete, durante el cual reinó la más cordial alegría.

El grupo de Santurce ha elegido para nueva directiva: Pres., Sr. Reparaz; Vic, Sr. Berdonces; Kas, Sr. Pereda; Sek, Sr. Iraurqui.

Bajo el seudónimo *Sem* inserta «El Heraldo de Aragón», que se publica en Zaragoza, un buen artículo referente á la historia del esperanto, con ocasión del quincuagésimo aniversario del nacimiento de su célebre inventor, fiesta que han solemnizado todas las sociedades españolas.

En Sos, de la misma provincia de Zaragoza, con gran entusiasmo propaga y difunde el conocimiento de nuestra querida lengua el padre escolapio Casio Pobal. Editó y repartió con profusión una circular en la región, dando á conocer nuestra querida lengua, abrió un curso en aquella Escuela Pía y trabaja para establecer allí un grupo.

La ya célebremente conocida esperantista Srta. Julia Lacruz ha fundado en

«Virinan Grupon» je kvardek aninoj, al kiuj ŝi instruas nian belan esperanton. Kompreneble ŝi estas ĝia prezidantino kaj Vicoj F-inoj Mario Zomeño kaj Karmeno García, Sekretariino F-ino Doloro Ariño, Vicsek—ino F-ino Marino Talaguera, Bib-ino F-ino Remedio Pons, Voĉd inoj Remedio P. Ubeda, Marcelenino Martínez, Karmeno Casero kaj Isanjo Tarín.

La Vitigudin'a Grupo ne ripozas; ĝi daŭrigis la esperantajn kursojn kaj, por tion sciigi, disdonis cirkulerojn subskribitajn de S-ro Ballesteros, prezidanto; S-ro Gonzalez, Konsulo, kaj S-ro Ledesma, Sekretario.

Utiel un «Grupo Femenino» de cuarenta socias á las cuales enseña nuestro bello esperanto. Naturalmente ella es su presidenta y Vices, las Srtas. María Zomeño y Carmen García; secretaria, la Srta Dolores Ariño; Vice, la Srta Marina Talaguera; Bibliotecaria, la Srta. Remedio Pons; Vocales: las Srtas. Remedio P. Ubeda, Marcelina Martínez, Carmen Casero é Isabel Tarín.

El grupo de Vitigudino no descansa; ha continuado sus cursos de esperanto y para que se sepa ha repartido circulares suscritas por el Sr. Ballesteros, presidente; Sr. González, cónsul, y Sr. Ledesma, secretario.




**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

Sinjoro Jozefo Paluzie finas sian bonegan ŝakverkon «*Sesdek Ŝakproblemoj*» per seslingre redaktita «Lasta Parolo»; kaj tial, ke ĝi ŝajnas praviga rezonado por nia ĵuskomencita entrepreno pri restarigo de Tutmonda Ŝakasocio, mi ne hezitas publikigi ĝin en tiu ĉi *ŝakfako*, kun la afabla permeso de ĝia laŭdinda aŭtoro.

Jen ĝi estas:

# Lasta Parolo

El la personoj, kiuj pli bezonas lingvon internacian, aŭ kies uzadon ili nepre ne povas rifuzi, oni trovas la emulojn al iaj malofta j specialaj gustoj intelektaj aŭ artistaj aŭ nur amuzaj, de ne tro ĝenerala karaktero.

Kompreneble, precipe pro tio ĉi lasta, aŭ pro sia trolima celo, tiaj gustoj ne akirajnas la simpation de la amasoj. La sindonantoj al ia ajn el tiaj gustoj aŭ specialaĵoj estas dissemitaj en la tuta mondo, kaj entute, ili estas kelkaj miloj; sed, intencante kolekti ilin laŭ nacioj, en ĉiu el tiuj ĉi apenaŭ oni ilin kalkulos po centoj. En grandaj urboj ordinare loĝas la plej gravaj anaroj de tiuj sindonantoj; la ceteraj estas izolitaj, tie ĉi kaj tie, en diversaj urbetoj kaj vilaĝoj. Nature, tia dissemata homamaseto parolas multegajn diversajn lingvojn.

El tiu stato sekvas, ke ĉiu revuo aŭ libro traktante ian objekton rilatan al tiuj gustoj havos nepre tre malfortan vivon; ĉar, videble, la tutmonda publiko ne interesiĝas al la aĉetado de tiuj verkoj, pro tio, ke ili ne estas publikigitaj en lingvo internacia, kiel okazas nuntempe. Tial, multfoje tiaj verkoj nur povas esti eldonataj per helpo de unu Mecenaso.



Pri tio ĵus dirita, ekzemplon tre rimarkindan oni trovas en ŝakludo. Ĉiuj amatoroj de la literaturo de tiu ĉi interesega amuzaĵo estas suferontaj la malbonojn sekvojn el neuzado de lingvo al ili komuna, taŭganta ĉu por ilia interrilato, ĉu por komprenigi la verkojn.

En la daŭro de unu jaro cirkaŭe, estis publikigitaj, plie aliaj, la jenaj verkoj *«Kolekto de Ŝakproblemoj»* de Dobrusky (boheme), de Ewetzky (ruse), de Schuster (hungare), de Pospisil (germane kaj angle), de Geijersstam (svede), *«Kolekto de ŝakludfinoj»* de Rinck (france kaj germane) kaj *«Rimarkoj kritikaj pri la antaŭa Rinçka verko»* de Puig (hispane). Resume: 7 verkoj kaj 8 lingvoj diversaj.

Ĉiuj tiuj ĉi libroj estas tiel bonegaj kaj interesaj, ke ilian legadon ne devas rifuzi kiuj deziras koni la vastiĝon kaj progresojn de ŝakludo.

Sed, malebligas bonkompreni ilian enhavon, la jena grandega baro: diverseco de lingvoj; tiamaniere, ke se ne okazas, ke en ili estas diagramoj prezentantaj poziciojn de problemoj, kaj plie ke estas tre komprenebla la notasistemo de la movoj (oni observu, pasante, ke iamaniere tio ĉi estas ekzemploj de lingvo tutmonda) la plimulto da amatoroj ne ekintencus aĉeti iun el tiuj verkoj. En urbo granda, oni povas facile nuligi tian malutilon aŭ diversecon, ĉar tie loĝas multaj tradukistoj el la lingvoj plej konataj, kaj plie ne estas tute neeble trovi iun, kiu scias eĉ la malplej divastigatajn; sed, en urbetoj aŭ vilaĝoj, kion faros la amatoroj?

Por eviti tiom da malfacilaĵoj, kelkaj aŭtoroj, speciale la senlaca kaj tre inteligenta usonano S-ro Alain C. White, uzas la rimedon skribi per du aŭ tri lingvoj (franca, angla, germana) la literaturan parton de siaj verkoj; sed kia enuiga, kia kara, kaj precipe, kia absurda estas tia laboro nuntempe, kiam ekzistas la genia elpenso de D-ro Zamenhof, la mirinda Esperanto, kiu ŝajnas esti kreita nure kaj intence por tiuj, kiuj ŝatas la diritajn gustojn de limigita karaktero!

Eble iu diros, ke ĉiuj ŝakverkoj povus esti verkitaj en unu sola eŭropa lingvo, ekzemple, la franca, aŭ la angla, aŭ la germana. Sed, kiom da tempo estas necese por scii skribi korekte iun ajn el tiuj lingvoj! Kelkajn jarojn. Male, oni povas jesi, sen trograndigo, ke Esperanto estas bone scita post malmulte da semajnoj okupitaj serioze pri ĝia lernado. Kiu dubos la efekton? Kaj oni ne prezentu, kiel kontraŭparolon, ke Esperanto estas malmulte disvastigata. Tio ĉi estas eraro: hodiaŭ en la mondo oni eldonas 81 revuojn aŭ ĵurnalojn esperante (1), funkciadas 1311 esperantistaj societoj (2), ĝia bibliografio en Majo 1908 atingis la sumon da 1133 verkoj (3), kaj fine, oni povas supozi ke la nombro da homoj konantaj kaj praktikantaj ĝin estas ĉirkaŭe duonmiliono, nombro kiu kreskadas senĉese ĉie kaj iam post iam.

Por tiu lingvo oni estas farinte multajn aliajn argumentojn, kiujn, pro mallongigo, mi ne ripetas tie ĉi.

Kiel resumo de ĉio, kio estas dirita, ni povas formuli la jenan regulon, kiu, pli aŭ malpli baldaŭ, regos la tutan literaturan produktaron:

*Ĉiu verko de tutmonda karaktero aŭ povonta interesi la landanojn de du aŭ pli nacioj, devos esti redaktita esperante,—aŭ se oni volas uzi en ĝi la patrolandan lingvon, oni devos aldoni ĝian tradukon Esperantan.*

Malmulte mi diros pri la interrilatoj inter ŝakamatoroj.

Oftege ilia korespondado nun estas farata per alilanda lingvo, kiu ordinare estis duone aŭ tre surface lernita. Sekve, iliaj leteroj enhavas grandan kvanton da frazoj nekompreneblaj aŭ malbone konstruataj, kio malfaciligas kaj malfruigas la antaŭenîradon de ilia favorata amuzaĵo.

Kaj plie, la tempo (ĉiam tro granda kompare al tiu, kiun postulas Esperanto) uzata por lerni lingvojn (4) estas ŝtelata de la amatoro el sia preferata pasio, el siaj specialaj ŝatoj.

---

(1) Laŭ Internacia Scienca Revuo» Majo 1909.
(2) Laŭ gazeto «Esperanto» 20 Marto 1909.
(3) Laŭ katalogo de la biblioteko de S-ro Georg Davidov, Saratov (Ruslando); ne kalkulinte katalogojn, kalendarojn, muzikverkojn k. t. p.
(4) Pro tio, ke nuntempe Usono, Angla-kaj Germanlando estas la nacioj, en kiuj oni produktas plej multe kaj plej bone pri ŝakludo, nenia vera amatoro povas rifuzi lerni la du respektivajn lingvojn.

Mi kredas neutile insistadi pli pri tiu afero, ĉar ĝi estas tia, ke ĝia sola elmontro sufiĉas por konvinki iujn ajn pri la antaŭaj jesoj.

Do mi finas esprimante varmegan deziron havi multajn imitontojn, tiamaniere, ke tre baldaŭ ekzistu, en Esperanto, granda amaso da ŝakverkoj, originalaj kaj tradukitaj, kaj plie, ke estu publikigita Esperante bona ŝakrevuo, en kiu kunlaboros ŝakistoj de la tuta mondo.

Kaj en la minuto en kiu mi vidas finita la nunan laboron, korplezure mi esprimas la plej veran dankecon al la fama esperantisto kataluna S-ro Frederiko Pujulá Vallés, sen kies grava kunhelpo mi ne estus povinta eldoni Esperante mian modestan kolekton de ŝakproblemoj.

J. PALUZIE.



# Bibliografio

*L. L. Zamenhof. Fundamento de Esperanto*, Eldono hungara (Az Esperanto Alapkönyve) Tradukita laŭ la permeso de la aŭtoro, S-ro Paul de Lengyel, Direktoro de «Lingvo Internacia» kaj «Juna Esperantisto», Membro de la Lingva Komitato. Prezo: kr. 1'20.

*L. L. Zamenhof. Fundamento de Esperanto*, Eldono bohema. Tradukita laŭ la permeso de la aŭtoro de Eduard Kühnl, Redaktoro de «Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu». Prezo: 1 k.

Tiuj ĉi verkojn oni povas aĉeti ĉe Librejo Hachette et C.ie, Parizo.

Ambaŭ verkoj estas nia plej grava kaj necesega libro la «*Fundamento de Esperanto*» eldonoj hungara kaj bohema. La tradukintoj estas respektive la famaj kaj malnovaj Esperantistoj S-roj Lengyel kaj Kühnl, eble la plej kompetentaj, kiujn oni povus serĉi por tia traduko. Tial ni ne dubas, ke la traduko estas tiel fidela, ĝusta kaj konscienca por tiu grava libro, kiun ni devas konsideri kiel la *Biblion* de Esperanto. Ni ĝojas konstatante, ke la *Fundamento de Esperanto* estas jam tradukita en la lingvoj franca, angla, germana, rusa, pola, hispana, itala, rumana, hungara kaj bohema, tio estas en la ĉefaj eŭropaj lingvoj.

*L' Esperanto et les langues nationales par M. le Général Sebert, Membre de l' Institut.*

Tre interesa kaj bele verkita studo en franca lingvo, per kiu la eminenta Prezidanto de la *Centra Esperentista Oficejo* montras la rilatojn de Esperanto kun la naciaj lingvoj, kaj pruvas, ke ĝi vere estas la dua helpanta lingvo de ĉiuj homoj.

*Marc Sangnier. Ofero de monaĥo*, noveleto, kun permeso de la aŭtoro tradukita de D ro Noël. Paris. Katolika oficejo Esperantista, 10, rue Béranger Prezo: fr. 0'30.

Tre bela kaj interesa noveleto, kies teksto klare montras la lertecon de D-ro Noël, la fama tradukinto de *Rolandkanto*.

*Frato Izidoro. Katolika Kantikareto*, Paris, Katolika Oficejo Esperantista. Prezo nemontrita.

Tiu ĉi interesa libreto enhavas la plej komunajn preĝojn direblajn en diversaj okazoj kaj kelke da kantikoj laŭ popolaj ĉiekonataj arioj. Niaj legantoj legos ĝin kun granda plezuro.

*Guia Esperanto. Cruz Roja, extracto del libro «Esperanto y Cruz Roja» del capitán Bayol*, Peso: 5 gramos. Precio: 10 céntimos. Traducción española del capitán D. Rafael Duyos.

Ciuj Esperantistoj konas la gravecon de la celo, kiun havas tiu ĉi libreto, kies hispanan tradukon ĵus faris per sia kutima lerteco nia kara kunbatalanto kaj eksdirektoro de tiu ĉi gazeto S-ro Duyos. Disvastigi la grandajn homamajn servojn de la Ruĝa Kruco per Esperanto kaj ebligi ilin en ĉiuj militoj inter personoj nesamlingvaj, kun la helpo de la lingvo internacia, estas nobla altula entrepreno, kies utilecon kaj gravecon estas ne necese laŭdi. Ni esperas ke la hispana eldono de la Ruĝ-Kruca ŝlosileto ricevos la saman sukceson, kiel la alilingvajn jam publikigitajn.

*La Kormalsanoj, iliaj kaŭzoj kaj kontraŭbatalo*, priskribo populara de D ro O. Burwinkel, tradukita de D-ro Kunschert, kuracisto en Wiesbaden. Eldono de Esperanto Verlag Möller & Borel. Berlin, S. W, 68, Lindenstrasse, 18-19. Prezo: 0'50 Sm.

La priskribo populara de la kormalsanoj de D-ro O. Burwinkel ricevis grandan sukceson en Germanujo, kie multaj medicinaj kaj politikaj gazetoj kaj ĵurnaloj ĝin laŭdis kaj rekomendis. D-ro Kunschert faris, do, bonan servon al la homaro per ĝia bonega esperanta traduko, «esperanto—kiel li mem diras en antaŭparolo, plue utilos precipe por la kormalsanuloj, sed ankaŭ por ŝpari al sanuloj estontan suferadon».

*Santiago Rusiñol. Folioj de la vivo*, tradukita de Alfonso Sabadell, Membro de la «Lingva Komitato». Eldono de Firmo Espasa. Cortes, 579, Barcelona. Prezo: 1 franko.

S-ro Sabadell, kiu antaŭnelonge liberis al ni tiun belegan nuntempan teatraĵon el Rusiñol, nomitan «La Patrino», sin prezentas nun al la publiko kun la traduko de «Folioj de la vivo», el la sama aŭtoro. Ĝuste nomitaj, tiuj ĉi folioj de la vivo, kiuj defalas ĉiutage de ni, havas la ĉarmon nedisputeblan, ke ili estas elŝiritaj el realeco kaj frapas nian koron per la sama impreso, kiun ĝi sentis travivante ilin. Profunda ironio kaj delikata humorismo vivas en tiuj ĉi belaj priskriboj kaj ĉiun pecon de tiu foliaro oni legas kun ĉiam kreskanta plezuro kaj intereso. S-ro Sabadell faris belan tradukon de la kataluna verko kaj ĉiuj Esperantistoj devas danki lin pro tio, ke li per Esperanto konatigis kun ĉiuj la ĉarman verkon de la aŭtoro de *La griza vilaĝo*.

*Verda Standardo Serio. Gulliver en Liliputlando* (*mallongigita*), tradukita de M. Inman (6, Colchester Road, Halstead, Anglujo), ilustrita de J. R. Monsell. Prezo: 50 Sd.

Ĉiuj niaj legantoj bone konas la mirindan fabelon de D-ro Swift, *Gulliver en Liliputlando*, kiu verkita antaŭ cent sepdek tri jaroj, ne perdis ankoraŭ sian intereson kaj estas nuntempe plezure legata. La lerta Esperantistino M. Inman donis al ni tre bonan esperantan tradukon, kiu, kun la belaj ilustraĵoj de Monsell, tre plaĉos sendube al niaj legantoj.

# Solvintoj de la spritludo

(*Rememoriga Skribo*) publikigita en la Decembra numero 1909:

«Amo kaj Espero», de Gerona; F-inoj Jozefino Estopiñá kaj Mario Balanzá, de Valencio; S-ro Juaneda, Pastro, de Mahon, Balearaj Insuloj; S-ro J. Bacquet, de Nice, Francujo; S-ro Dionisio Osés, de Barcelono.

LA INTERNACIA PROPAGANDEJO ESPERANTISTA, kiu eldonas la Ĉefeĉajn Ŝlosilojn, estas nun direktita de sendependaj Kruatoroj kaj Estraro elektita de Brita Esperanto Asocio.—Ĝia nova adresso estas, 135, High Holborn, London. W.C.—La *Ĉekbanko Esperantista*, tamen, estas ankoraŭ en Merton Abley.

ESPERANTO EN USONO.—La progreso de Esperanto en Usono, ne haltas, ĝi iras rekte antaŭen. La sekretarso de la Esperanta Asocio de Nord-Ameriko translokiĝis de Ĉikago, al Vaŝingtono la kapitola urbo de Usono.

En Vaŝingtono, kie la sekretario nun restas, esperanto progresas tre facile, la tuta urbo oni esperas fariĝos esperantistoj; tiu oni esperas, sed la vera nombro, estas 3 000, kiuj ili esperas havi esperantigitaj por la Sesa, por kio, ili, nun preparas.

Estas ses esperantaj ĵurnaloj en Usono, sed du ne aperis en Decembro. S-ro Elner Nicholas, esperantisto, verkas ĉiu monate artikolojn pri Esperanto por diversaj ĵurnaloj en Usono. Multaj ĵurnaloj nun enhavas traktojn pri Esperanto kelkfoje. *Elmer, Micholas, Miller, Missouri.* (3)



GRAVA ALVOKO (DE TUTMONDA ESPERO).—Sub la Deputata Protektado kaj tiu de la Urbkonsilantaro, fondiĝis en Barcelono «Sociala Muzeo», kies inaŭguracio okazos la proksiman monaton Aprilo 1910ª per adekvata Ekspozicio.

Ni permesas al ni konfidi, ke niaj samideanoj montros iliajn bonfaremajn sentojn, profitante tian oportunajon por pruvi ke Esperanto estas io praktika, ne utopio, kaj bonvolos sendi kiel eble plej baldaŭ kaj multe: desegnojn, verkojn, laborilojn, ĉiuspecajn maŝinojn, k. t. p. rilate al la celo de la nomita Muzeo, per kio ili kunhelpos la meritindan agadon pri plibonigo de la laboristaro, ĉefa kaj sola deziro de la nova antaŭdirita Institucio.

Pri ĉiuj informoj, sciigoj kaj sendaĵoj sin turni: al *Moŝta S-ro Henriko Prat de la Riba, Prezidanto de la Muzeo kaj de la Deputatejo.—Barcelono.—Hispanujo.*

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11.—Valencia.